## Redaktora babilo

Antaŭ ni la julo, la jarŝanĝo (memoru aliĝi al la 46a IFK en Krems, se vi deziras profiti je la malalta kongreskotizo), kaj la labortaskoj de la nova jaro.

Du gravaj paŝoj direkten al oficiala rekono de Esperanto ĉe fervojoj estis faritaj en la forpasanta jaro: Esperanto aperas inter la 10 lingvoj de la fervoja terminaro, kiun eldonos UIC printempe de 1994 sur CD-ROM-diskedo, kaj FISAIC aprobis 3jaran plilongigon de la provperiodo de Esperanto kiel ĝia tria laborlingvo.

Ĉu vi demandas, kio estas UIC kaj FISAIC? Ĉiuj devas scii, ĉar kiel konvinki la kolegojn pri la taŭgeco de Esperanto ĉe la fervojoj, se vi ne estas plene informita pri la jamaj atingoj? UIC estas la Internacia Fervojunio, do oficiala internacia unuiĝo de la fervojkompanioj. FISAIC estas la Internacia Fervojista Federacio por Kulturo kaj Libertempo, do fervojista unuiĝo. Cetere: kiu entreprenos paŝetojn por enŝovo de Esperanto en USIC, la internacia sporta unio de la fervojistoj?

La tuta gvidantaro de IFEF dankas pro ĉia apogo kaj helpo dum 1993 kaj deziras **prosperan kaj feliĉan novan jaron 1994.**

Red.

## Interesa vizito en Varsovio

Jen raporto de Joachim Giessner, honora prezidanto de IFEF:

Okaze de la 10a kongreso de polaj fervojistoj en Tarnowskie Góry en septembro mi konatiĝis kun la prezidanto de la fervoja direkcio Katowice, d-ro ing. Ryszard Zalewski. En tre agrabla atmosfero ni pritraktis i.a. la tute ne novan planon, doni al iu internacia trajno la nomon Ludoviko Zamenhof, kaj nome al trajno, kiu trafikas en sia vojo al aŭ tra Pollando, la hejmlando de Zamenhof. D-ro Zalewski promesis sian helpon kaj invitis min denove veni por pli ekzakte prepari la planon.

Komence de novembro mi sekve estis en Katowice. Eta delegacio, konsistanta el M.Fedorowicz (prez. de FSPEA, landa asocio de IFEF), J.Wereszka (sekr. FSPEA), J.Fortunski (komit. FSPEA) kaj mi veturis al Varsovio. Antaŭe ni havis amikecan preparan kunvenon kun d-ro Zalewski. En Varsovio ni havis aŭdiencon ĉe la ĝenerala direktoro de la Pola Ŝtata Fervojo PKP, mgr.ing. Aleksander Janiszewski kaj la direktoro de la kabineto, ing. Dariusz Sawicki. Ankaŭ tiu kunveno okazis en tre afabla etoso. Ing. Janiszewski pozitive akceptis nian peton kaj deklaris, ke li intencas helpe subteni kaj trakti ĝin je konvena okazo. Li ankaŭ komprenigis al ni, ke la personeco de Zamenhof ne estas nekonata al li.

Oni povas esperi, ke el tiu kunveno ekestos pozitiva rezulto.

---

**Frontpaĝo**: IFEF-honoritoj, kiuj trapasis aĝajn mejloŝtonojn, vidu malfrontan paĝon.

## Enhavo:




**46a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)**

13a-20a de majo 1994
KREMS a d Donau, Aŭstrio

| | |
|---|---|
| Adreso: | 46a IFEF-kongreso, Postfach 194, A-3101 ST.PÖLTEN, Aŭstrio |
| Bankkonto: | Bank Austria, Filiale Tulln, kto n-ro 467 567 400 BLZ: 20151 |
| Poŝtkonto: | PSK A-1018 Wien, kto n-ro 92.017.630 BLZ: 60000 |

## Modernaj fervojoj - Komuna Eŭropo

**Novaj impulsoj - ESPERANTO**

**Land' Danuba de kampvaloj**
**land' de l'montoj, katedraloj .....**

Tiel tekstas la Aŭstria Himno, kiu tre trafe "akompanos" niajn kongresajn ekskursojn.

La unua - duontaga - estas dediĉita al la plej bela parto de la Danuba Valo "Wachau" ĉirkaŭata de sunaj, vitplenaj deklivoj kun kasteloj, katedraloj kaj iamaj fortikaĵoj. La dua - tuttaga - gvidos nin fervoje en la montaron. Pri ĝi vi legu apartan artikolon!

Rilate la duontagan, kiu startos aŭtobuse, **la 16an de majo je la 13a horo**, ni jam anticipe konfesas, ke ĉiuj cititaj celoj unuope pretendus la tutan disponigeblan tempon. Sed ni volas prezenti al vi kiel eble multajn admirindajn lokojn. Jam en la priskribo de Krems vi povis legi, ke ni kongresos en la plej bela ĉedanuba regiono. Tial la Loka Kongresa Komitato decidis nepre prezenti al vi la plej elstarajn pejzaĝojn kaj ties apartaĵojn. Tiucele ni jam en Krems transpasos la Danubon, tra Rossatz dekstre de la danuba bordo ĝis Melk. En Melk ni haltos ĉirkaŭ unu horon, ĉefe pro la mondfama abatejo, baroka juvelo. En via kongresa dokumentujo vi trovos respektivan prospekton koncize tradukitan. Post tiu "ekstera" vizito ni denove transpasos la Danubon, por vidi pli proksime ankaŭ la maldekstran riveregan flankon. Ĉefe la ĉarman urbeton Spitz, kiu situas enmeze de Wachau. Kompreneble ni ne ĉie povos halti, konsiderante ke tiutempe regas en Wachau ĉefsezono. Prefere ni haltos iom pli longe en despli alloga urbo Dürnstein. Tie la parkejo situas pli oportune - proksime al la centro, kiun nepre vizitu ĉiuj! La urbeta kerno estas ĉirkaŭata parte de ankoraŭ ekzistantaj antikvaj muroj kaj parte de historiaj konstruaĵoj. Tiel estiĝis centro unika. Sed ankaŭ la unuopaj kortoj estas harmoniplenaj. Vidindaj ankaŭ la aparte bela turo, la iama Aŭgustena Monaĥejo, la tombeja ostejo, la romantikaj stratetoj ktp. Ne preterviddebla estas la kastela ruinaĵo super de la urbo. Por la vizito de surdeklivaj restaĵoj bezonas mezkapabla piediranto ĉirkaŭ duonan horon - konsilinda por fotantoj. Kaj fine nepre restu ankoraŭ iom da tempo por "viziti" paradizajn vinejojn sur- kaj subterajn! Sed obeu la gvidantojn, ĉar je la **17a horo** ni devos ekveturi al Krems por atingi ĝustatempe la internacian balon.

LKK/Stuppnig

**Programo (provizora)**

| | | |
|---|---|---|
| **Klarigoj:** | ST | = Urbosalono - Stadtsaal |
| | ÖH 2 | = Kongresejo - Österreichhalle 2 |
| | ÖH 3 | = Kongresejo - Österreichhalle 3 |

| | | |
|---|---|---|
| Vendredo 13.5. | 13-20 | Alveno de la partoprenantoj<br>INFO-kioskoj en St.Pölten Hbf kaj Krems |

| | | | |
|---|---|---|---|
| | 13-20 | ÖH 2 | Akceptejo malfermita |
| | 16-17 | ÖH 3 | INFO-konferenco |
| Sabato 14.5. | 8-15 | INFO-kioskoj en St.Pölten Hbf kaj Krems | |
| | 9-20 | ÖH 2 | Akceptejo malfermita |
| | 15-17 | ÖH 2 | Urbovizito laŭ bezono (senpage) |
| | 17-18 | ÖH 2 | LKK + IFEF-estraro |
| | 20-24 | ÖH 2 | INTERKONA VESPERO |
| | Restoracio kaj memservejo malfermitaj 9-24 | | |
| Dimanĉo 15.5. | 8-9 | Ekumena Diservo | |
| | 9-10 | ÖH 2 | Informejo / Akceptejo malfermita |
| | 10-12 | ST | SOLENA MALFERMO |
| | | | Komuna fotado + uniformprezentado |
| | 15-17 | ÖH 2 | Urbovizito laŭ anonco (senpage) |
| | 15-17 | ÖH 3 | 1a FK-kunsido |
| | 20-22 | ST | KULTURA VESPERO |
| | Memservejo malfermita 9-13 + 18-23 | | |
| Lundo 16.5. | 9-12 | ÖH 3 | Komitatkunsido nepublika |
| | 13-17 | Busoj | "Duontaga ekskurso" |
| | 20-1 | INTERNACIA BALO en Grafenegg | |
| | | 19-20.30 busservo = 4 busoj al Grafenegg | |
| | | ekde 0.30 busservo = 4 busoj al KREMS | |
| | | (Intertempe = buseta servo 22-1) | |
| Mardo 17.5. | 9-12 | ST | PLENKUNSIDO publika |
| | 15-16 | ÖH 2 | Redaktora Kunsido |
| | 16-18 | ÖH 2 | 2a FK-kunsido |
| | 20-22 | ST | AŬSTRIA VESPERO |
| | Restoracio malfermita 9-13 kaj memservejo malfermita 9-13 + 14-23 | | |
| Merkrede 18.5. | 8-19 | *TUTTAGA EKSKURSO* | |
| Ĵaŭdo 19.5. | 9-11 | ÖH 3 | ĈEFA FAKPRELEGO |
| | 11-12 | ÖH 3 | Fervojaj Novaĵoj kaj prelegoj = 1a parto |
| | 15-17 | ÖH 3 | Movadaj aferoj |
| | Libera vespero | | |
| | Memservejo malfermita 15-17 | | |
| Vendrede 20.5. | 9-10.30 | ÖH 3 | Fervojaj Novaĵoj kaj prelegoj = 2a parto |
| | 10.30-12 | ÖH 3 | Prezentado "Venonta Kongreso" |
| | 14-15 | ÖH 2 | SOLENA FERMO de la kongreso |
| | Restoracio malfermita 9-16 | | |
| Sabato 21.5. | Informtabulo | | "Forveturo al Postkongreso" |

- - -

| Kongreskotizoj en aŭstraj ŝilingoj (ATS) | | ĝis 31.12.93 | ekde 1.1.94 |
|---|---|---|---|
| Kongresano IFEF-membro | ĝenerale | 700 | 900 |
| - | speciale | 400 | 700 |
| Familiano kaj junul(in)o ĝis 30jara | | 300 | 500 |
| Kongresano ne-IFEF-membro | | 700 | 1000 |

| | | | |
|---|---|---|---|
| Subtenanto – minimume (ne partoprenos, ricevos kongresmaterialon) | | 200 | 200 |
| Ĉambroperado (deviga) | | 50 | 50 |

**Aliaj prezoj:**

| | | |
|---|---|---|
| Ekskurso T (tuttaga kun bufedo) | 200 | 200 |
| Ekskurso B (duontaga) | 100 | 100 |
| Menuo antaŭ la balo en kastelo Grafenegg | 230 | 230 |

**Tranokteblecoj kaj prezoj:**

(Prezoj estas por ĉiu persono/nokto kun matenmanĝo)

| | | | |
|---|---|---|---|
| Kategorio A, | unulita ĉambro | | 600-700 |
| – – | dulita | – | 400-500 |
| – B, | unulita | – | 350-500 |
| – – | dulita | – | 300-350 |
| – – | trilita | – | 250-300 |
| Gastejo, | unulita | – | 200-250 |
| – | dulita | – | 150-200 |
| – | trilita | – | 150-180 |
| Privata loĝejo, | unulita | – | 175-250 |
| – | dulita | – | 175-210 |
| – | trilita | – | 150-180 |
| Junulargastejo, | trilita | – | 150-170 |

| | | |
|---|---|---|
| Krome ekzistas ekster la urbo feriaj loĝejoj je prezoj | por 2 personoj | 300 |
| | – 3 – | 400-500 |
| | – 4-7 – | ekde 500 |

– – –

La supre menciita 'speciala' kongreskotizo rilatas al kelkaj landoj kun ekonomiaj malfacilaĵoj. Kontaktu LKKn. ■

Kiel per trajno atingi la **46-an kongresan urbon ?**



## Postkongreso en Břeclav de la 46a IFEF-kongreso

Ĉeĥa LA de IFEF organizas postkongreson de la 46a IFEF-kongreso. Tiu aranĝo okazos la 21.-24.5.1994 en Břeclav, Ĉeĥio.

**Provizora programo:**

**21.5. - sabato -**

Posttagmeze: alveno de la partoprenantoj. Ili estos atendataj precipe ĉe la trajnoj alvenantaj de Vieno je la 11.20, 12.24 kaj 16.08 horo en stacidomo Břeclav

18.00: vespera diservo katolika

19.00: vespermanĝo, poste komuna vespero kun organizantoj kaj lokaj e-istoj

**22.5. - dimanĉo -** busa ekskurso n-ro 1

08.00: matenmanĝo, poste forveturo al Blansko, vizito de grotoj de Punkva, komuna tagmanĝo en Skalní mlýn, poste vizito de groto Kateřinská, grotoj Sloup-Šošůvka kaj abismo Macoha. Plie, laŭ tempo kaj deziro vizito de Tumulo de paco apud Slavkov

**23.5. - lundo -** trajnekskurso al Mikulov

09.00: matenmanĝo, poste forveturo pertrajne al Mikulov, vizito de Moravské vinařské závody (Moraviaj Vinentreprenoj), tagmanĝo, trarigardo de la urbo, Sankta monteto kaj monteto Turold

17.50 aŭ 20.20: (laŭdezire) reveturo el Mikulov al Břeclav

**24.5. - mardo -** busa ekskurso n-ro 2

08.00: matenmanĝo, poste forveturo al Lednice, tie vizito al kastelo, parko, vintrodomo kaj minareto. Post tagmanĝo vizito de arkeologia ekspozicio en Dolní Věstonice, vojaĝo ĉirkaŭ montetaro Palava - Horní Věstonice, Klentnice - Orfa burgeto. Por interesantoj piedmarŝado. Post komuna vespermanĝo en Valtice amuzado en vinkelo.

24.00: reveno al Břeclav kaj adiaŭo

Prezo de la postkongreso estas 3.000 Kč aŭ 170 DEM kaj ĝi inkluzivas ambaŭ busekskursojn, manĝojn, viziton de vinkelo kaj enirbiletojn al ĉiuj planataj programeroj. Tranoktadon kaj eventualajn trajnbiletojn (eblas uzi senpagan FIP-bileton) oni pagos aparte surloke.

**Tranoktadon** oni povas elekti en hoteloj:

**Terezka** - 400 m de stacidomo, kun matenmanĝo

| | |
|---|---|
| 2-lita ĉambro kun necesejo + banejo | 940 Kč |
| 3-lita ĉambro kun necesejo + banejo | 1180 Kč |
| 2-lita ĉambro sen necesejo + banejo | 670 Kč |
| 3-lita ĉambro sen necesejo + banejo | 1000 Kč |

**Grand** - 500 m de stacidomo, sen matenmanĝo

| | |
|---|---|
| 1-lita ĉambro kun necesejo + duŝo | 310 Kč |
| 2-lita ĉambro kun necesejo + duŝo | 620 Kč |
| 3-lita ĉambro kun necesejo + duŝo | 800 Kč |

**Stadion** - 1 km de stacidomo post urboplaco, sen matenmanĝo; necesejo kaj duŝolavejoj sur etaĝo, nur 3-litaj kaj 4-litaj ĉambroj

| | |
|---|---|
| 3-lita ĉambro | 300 Kč |
| 4-lita ĉambro | 400 Kč |

Aliĝilojn kaj mendojn por loĝado oni petu kaj sendu al adreso:
Jaroslav Pokorný, Nová 832, CZ-691 42 Valtice, ĈR.

---

## 35a IFES

Lasta ŝanco por partopreni la ĉivintran skisemajnon, en **Poiana Braŝov**, Rumanio.

Limdato por aliĝi: 31a de decembro! Ne hezitu, ĉar neĝo estas garantiata, bonega skitereno, nekutimaj cirkonstancoj, gastama etoso, rekta trajno almenaŭ de Prago kaj Budapešto, multekosta restado. Ĉu vi forgesis la datojn? Jen: 5a-12a de februaro.

Aliĝadreso: Rumana Esperanto-Fervojista Asocio, Regionala CFR, str Politechnicii Nr 1, RO-2200 Braŝov. Duobla gajno: vi travivos, REFA estos helpata kaj ili valoras la helpon!

## FISAIC kaj Esperanto
## Esperanto en FISAIC

La prezidantaro de FISAIC kunvenis komence de oktobro 1993 en la sveda urbo Helsingborg.

Inter la temoj estis la por ni grava demando, ĉu Esperanto, kiu dum du jaroj prove funkcias kiel tria laborlingvo de FISAIC, devu esti ĉesigita, akiru oficialan statuson, aŭ kio okazu.

Sufiĉe longa diskuto okazis, plejparte pozitiva, kvankam unuopaj landoj hezitis. La dana FI-SAIC-sekcio proponis daŭrigon de la provperiodo per ankoraŭ tri jaroj, ĉar du jaroj estas mallonga tempo en internaciaj rilatoj.

Konsiderindan impreson dum la diskuto vekis precipe du eldiroj: Franclingve parolanta hungara delegitino asertis, ke ili ne povas malhavi la Esperanto-version i a de la protokoloj, ĉar laŭ ĝi oni tradukas hungaren. Belga s-ro Steppe, kiun ni kun ĝojo memoras i a kiel FISAIC-reprezentanton en la 41a IFK (Salou 1989), klarigis, ke ĉiu dubanto pri la valoro de Esperanto simple iru al IFEF-kongreso, kaj la dubo tuj forvaporiĝos!

**Rezulto:** Unuanime la prezidantara kunveno de FISAIC akceptis plilongigi la provperiodon per tri jaroj!

Tre bona rezulto, kaj IFEF dankas al tiuj multaj kolegoj, kiuj

- preparis la vojon per plurjara, serioza laboro,
- laboris hejme kaj en FISAIC-kunvenoj dum la unua provperiodo,
- iris al Millau por la datrevena aranĝo de FISAIC kaj tie donis eble la decidan impreson de la seriozeco de nia laboro,
- kaj komprenoble niaj francaj kolegoj, kiuj ŝvite sed sukcese kaj rapide faris la traduk-laboron.

**Sed**, bonvolu konscii, ke ni nun ne ripozu sur la laŭroj! Ni devos eĉ plie streĉi niajn fortojn,

- en la landoj, kie jam ekzistas bonaj rilatoj kun la FISAIC-sekcio, ni devos plifirmigi ilin kaj forigi la lastajn dubojn,
- en la landoj, kie ne aŭ apenaŭ estas rilatoj kun la FISAIC-sekcio, ni klopodu krei tiajn, ofertante bezonatajn servojn.
- la landaj asocioj nepre respektu la oficialajn informvojojn de FISAIC, ekzemple ĝustatempe informi pri planoj de estontaj IFK.

La IFEF-estraro atente sekvas la evoluon kaj pretas helpi laŭ la eblecoj. La ĉefa FISAIC-kontaktulo de IFEF estas la kasisto Henning Hauge.

IFEF-estraro

---

## La tuteŭropa grandrapida reto

Evidente la trafika situacio en Eŭropo necesigos konsiderindajn ŝanĝojn en ĝia strukturo. Respektiva plano por tuteŭropa reto de la grandrapida trafiko antaŭvidas, ke la ĝenerala ŝanĝemo de loko al loko kreskos, sekve ankaŭ la intenseco de la internacia trafiko. Tiu kresko dependos de la ekonomia evoluo, kiun oni malgraŭ la momenta stagnado prognozas pozitive. Kaŭzoj ekz. estas la kunkreskado de la Eŭropa Komunumo kaj ties pligrandigo orienten.

Dum la pasintaj du jardekoj la nombro de personkilometroj entute (ŝoseo, fervojo, aero) duobliĝis, tio estas 3,3 % jare. El tio la fervojoj akiris 27 % (po jaro 1,2 %), dum la aŭtotrafiko duobliĝis, kaj la aera trafiko atingis eĉ la 4,8-oblan. Entute la fervoja procentaĵo en la merkato malkreskis de 10 al 6,6 %.

La erao de la grandrapida trafiko komenciĝis antaŭ pli ol 20 jaroj. Tiam la direkton al tiu vojo montris la japanoj per sia Shinkansen [sh




Popoldivido de Eŭropo (urboj kaj aglomeraj zonoj kun pli ol 500.000 enloĝantoj): Rektaj distancoj inter selektitaj punktoj.

= ŝ]. Fine de la sesdekaj jaroj tri eŭropaj landoj ekesploris kaj ekplanis la grandrapidan trafikon sur nacia nivelo. Tio estis Francio, Germanio kaj Italio. Per la TGV (trajno kun granda rapido) en Francio oni komencis inter Paris kaj Lyon.

Tre rapide montriĝis, ke tiu nova sistemo estis principe ĝusta kaj donis bonan ekonomian rezulton. Tion montras jenaj interesaj ciferoj: En 1980 la fervojo kaj aviadiloj inter Paris kaj Lyon estis uzitaj proksimume samkvante de pasaĝeroj. 10 jarojn poste la rilato estis 10:1 favore al la fervojo. Tiu sperto vekis grandan intereson ĉe fakuloj kaj politikistoj. Ĝi kontribuis al renaskiĝo de la tunelprojekto inter Francio kaj Britio, sed ankaŭ kaŭzis, ke Belgio, Francio, Germanio kaj Nederlando komencis esplori la eblecojn por grandrapidaj interŝtataj linioj, do por vere internacia projekto.

Rapide nome oni rimarkis, ke la granda rapido ne povas realiĝi interne de naciaj limoj, sed ke ĝi estas kvazaŭ antaŭdestinita – same kaj eĉ pli klare ol per la aviadiloj – fariĝi "ilo de komunikado" inter la grandaj eŭropaj urboj ĝis distancoj de mil kilometroj. De Atlantiko ĝis Uralo Eŭropo havas 338 urbojn kaj aglomerajn zonojn kun po pli ol 200.000 enloĝantoj, el ili 128 kun pli ol 500.000 enloĝantoj. Ili situas en distancoj unuj de la aliaj de maksimume kelkaj cent kilometroj. Kroma gravega faktoro estas, ke pli ol 42 % el ĉiuj homoj en Eŭropo loĝas en urboj kun pli ol 100.000 enloĝantoj.

Logike la eŭropaj fervojoj interkonsentis ellabori komunan proponon por eŭropa grandrapida reto kaj prezenti ĝin al la ŝtataj instancoj. Tio okazis en 1989 kaj kondukis al la fondo de laborgrupo, kiu konsistis el altrangaj reprezentantoj de ŝtatoj, fervojoj kaj industrio. Tiu grupo publikigis en decembro 1990 unuan raporton, kiu enhavis komunan gvidplanon kun celtempo ĝis la jaro 2000.

Paralele al tiu agado kelkaj gravaj decidoj estis faritaj, i.a.

a) decido de la hispana registaro, jam fine de 1988, enkonduki la internacian ŝpuron por la planitaj grandrapidaj linioj;
b) la franca-brita decido, konstrui la tunelon sub la Maniko;
c) la franca decido, konstrui la TGV-Nordo de Pris tra Lille al la manika tunelo kaj posta komuna decido de la koncernitaj landoj, realigi la nordeŭropan reton;
d) la decido konstrui firman fervojan interligon trans la Grandan Belton kaj trans la Sundon al Skandinavio;
e) la svispopola akcepto de la plano, konstrui du tunelojn sub la Gotthardt- kaj Lötschberg/Simplon-masivoj;
f) la franca-itala decido, esplori la eblecojn por novkonstruota linio inter Lyon kaj Torino por interligi la grandrapidajn retojn de la du landoj.

Speciala koordina komisiono de "Internacia Fervojunio" (UIC) partoprenigis en tiuj aktivecoj ĉiujn eŭropajn fervojojn ĝis la limo de la GUS-ŝtatoj. Tiamaniere eblis plivastigi la originan gvidplanon, en kiu ankoraŭ dominis la nord-sud-akso, al Orienta Eŭropo, Balkano kaj Skandinavio.

Tiu nova gvidplano en sia centra parto enhavas la teritorion kun plej densa loĝantaro kaj ĉirkaŭe ok "pordegojn" al la marĝenaj regionoj, nome el

London al la Britaj Insuloj,
Hamburg al Skandinavio,
Warszawa kaj Budapest por plilongigoj orienten,
Beograd al la Balkanlandoj,
Bologna por Italio,
Barcelona kaj Paris al Hispanio kaj Portugalio.

En la reto de tiu plano troviĝas tri kategorioj de linioj, nome nove konstruitaj linioj por tre grandaj rapidoj inter 300 kaj 350 km/h, ŝanĝkonstruitaj linioj por 200 km/h kaj jam ekzistantaj interligaj linioj. Oni antaŭvidas, ke laŭ tiuj planoj la landoj de EK plus Aŭstrio kaj Svisio komune posedos 12000 km da nove konstruitaj kaj 11000 km da ŝanĝkonstruitaj linioj. Ĝis la jaro 2000 la rea-


La eŭropa retokoncepto la ok "pordegoj" ĉe la rando

ligado antaŭvideble ĉefe limiĝos je okcidenta Eŭropo. La realigado en la orientaj landoj vaste dependos de la tiea adaptiĝo de la ekonomio al la okcidenta nivelo.

Ĝis nun oni konstruis en Francio, Germanio, Italio kaj Hispanio entute 1900 km da novaj grandrapidaj linioj. Pluraj 1200 km estas planitaj por la jaroj ĝis 2000 en Aŭstrio, Belgio, Francio kaj Germanio. Estas tutklare, ke la "Eŭropo de la grandaj rapidoj" transiris el la stato de projektoj al la stato de realigo.

Ne povas esti celo de tiu ĉi artikolo, prezenti detalojn pri la atendotaj gajnoj de vojaĝtempoj. Sed oni rajtas diri, ke ili estos rimarkinde altaj.

Unu el la perspektivoj, kiujn oni jam povas antaŭvidi, estas la kreado de granda okcidenta-orienta koridoro. Laŭ la loĝantara denseco ĝi etendiĝos de la triangulo London-Paris-Bruselo ĝis Kiev, Moskvo, St.Petersburg kaj al la Baltaj ŝtatoj. La longeco de tiu koridoro estos ĉirkaŭ 2500 km. La geografiaj kaj topografiaj kondiĉoj por ĝia konstruado estos tre favoraj, ĉar ĝi kondukos tra la vasta mezeŭropa malaltebenaĵo.

Entute oni devos kalkuli, ke la realigo de tiaj gigantaj projektoj kun ĝiaj ekonomiaj kaj financaj postuloj bezonos kelkajn jardekojn. Kaj tiu realigo ankaŭ esence dependos de la ĝenerala evoluo en la orienta parto de Eŭropo. Tamen la celo estas klare videbla, kaj en la intereso de la homoj ĝi estos nepre atinginda.

Surbaze de artikolo en "Die Deutsche Bahn" 7/8/93

Joachim Giessner

## Rotterdam havas fervojan tunelon

Je la 15a de septembro la reĝino Beatrix de la Nederlandanoj inaŭguris la fervojan tunelon kiu interligas Rotterdam Centra Stacio kaj Rotterdam Suda Stacio. Inter tiuj du stacioj: la urba centro, la rivero Mozo kaj la (Konings-)haveno. La konstruado de tiu tunelo estis la temo de la fakprelego en la fervojista tago dum la 73a UEA-kongreso en la jaro 1988 en Rotterdam. En tiu prelego la prelegintο sciigis multe da detaloj pri la tiam konstruata tunelo, kaj la partoprenintoj vizitis teman ekspozicion por rigardi filmon. Posttagmeze ili vojaĝis sur la anstataŭotaj viadukto tra la urbo kaj la du pontoj respektive trans la rivero Mozo kaj la (Konings-)haveno al Dordrecht. La nun malkonstruenda 3 km longa viadukto estas 116 jaraĝa kaj kaŭzis multe da ĝeno pro la bruo de la 250 trajnoj kiuj pasis ĉiun diurnon! La ŝiptrafiko ne plu estas ĝenata de la pontoj! Sed inverse la trajntrafiko ne plu estas ĝenata de malfermita ponto! Ĉar la ponto trans la haveno estis movebla ponto: ĉiun duan horon ĝi estis levita dum 20 minutoj por doni vojon al ŝipoj kaj la eble plej alta ŝipveturanta gruo.

La nova tunelo havas longecon de 3 km; ĝi estas kvartraka (sed ĝis septembro 1994 funkcios nur du el ili), la meza larĝo estas 27 metroj, la alto proksimume 7,5 metroj. La maksimuma deklivaĵo estas 2,5% kaj la trakoj sub la rivero kuŝas 15,3 m sub la marnivelo.

Inter la rotterdama centra stacio kaj la rivero troviĝas la stacio Blaak, kiu estas duobla stacio kune kun la metroo. Sur tri apartaj niveloj kruciĝas tramo/buso, metroo kaj trajno! La trakoj de la fervojo kuŝas 11 m sub la marnivelo.

La konstrudaŭro estis sep jaroj kaj la kostoj 905 milionoj da guldenoj, inkluzive la malkonstruadon de la viadukto!

Wim van Leeuwen

## COMMUTOR

La projekto "COMMUTOR" [elp. komutor] celas anstataŭigi la trapasadon de varvagonoj ĉe ranĝo-stacio per rapida transŝarĝado de moveblaj konteneroj lokitaj sur la varvagonoj.

Tiu projekto kondukas al reala revolucio en la vartrafikigo, komparebla al tiu alportita de TGV en la fako de pasaĝer-transporto.

La interŝanĝo inter terminal-centregoj nun estas faritaj per rektaj trajnoj. La trairado tra la transkargejo "COMMUTOR" ebligas novajn trajnokoneksojn cele al plenumo de densa fervojreto tra la franca teritorio, eĉ okaze de nesufiĉa trafiko por estigi rektan vartrajnon inter du centroj. En transkargejo eblus transŝarĝadi tridekojn da varvagonoj ĉiujn dek kvin minutojn.

Pluraj teknologiaj elektoj farendas. Ili koncernas la sistemojn de transvagoniĝo, de delokiĝo, aŭ la stokadon de la ujoj interalie de moveblaj robotoj aŭtonomiaj, kiuj nepre transportas kontenerojn de 70 tunoj inter la trajnŝarĝejo kaj la stokejo de la kamionforpreno. Ekde la nacia transportplano, komputilo administrada de stacia terenparto nepre scias la ĝustan trajnkonsiston kaj aparte la lokon kaj la nombron de konteneroj malŝarĝotaj sed ankaŭ ŝarĝotaj laŭ la lasta adreso de la vagonaroj. Tiu komputilo planizas la laboron de ĉiu manipulad-aparato, administras la diversajn movadojn, kaj superrigardas en reala tempo ĉiujn moveblajn robotarojn. Poste, tiu superrigardanto, por rekalkuli la trajektorion de roboto, kiu estus perdita sur la grandega stokejo.

Eksperimenta stacia terenparto funkcias en ĉirkaŭaĵo de Parizo por kompari kaj validigi la diversajn antaŭviditajn solvojn.

Fontoindiko "Direction de la Recherche SNCF"
Jean RIPOCHE



## Cervia - kunveno pri movadaj aferoj

En la eks-salmagazeno 49 homoj el 16 landoj partoprenis la 11an de junio en la kunveno "Movadaj Aferoj". Gvidas ĝin la IFEF-Sk, R.Bolognesi (I). Li enkondukas rememorante ĝiaj ĝeneralajn celojn, t.e. la neceson diskonigi la movadajn atingojn, iel akiritajn ĉefe de kolegoj, kaj precipe kiel eblis ricevi rekonojn pri Esperanto.

Tio permesas al ĉiuj havi pli bonajn argumentojn por ĉiam kaj ĉie levi la lingvan problemon, instige al la oficialigo de nia internacia komunikilo en la rajtoj inter la fervojaj administracioj, sindikatoj k.s. Cetere oni traktu la proponitan agadplanon jam tuŝitan dum la plenkunsido. Tuj estas intervenoj. Jen koncize la ĉefaĵoj:

K-go L.Kovař (CZ) informas pri la fondo en Ĉehio de la unua muzeo pri Esperanto (MĚSTKÉ MUZEUM, Esperanto parto, CZ-56002 Česká Třebová), kie estas organizitaj diversaj aranĝoj.

K-go F.Kapcsándí (H) instigas al faka laboro kaj mencias pri esperanta paĝo en telefonlibro. Imitinda ekzemplo.

S-ano G.M. Jakobs (B) substrekas la neceson zorgi pri la membraro. Li instigas esti pli viglaj pri tio ankaŭ en IFEF. Cele al tio li varme subtenas la novan agadplanon.

S-ino N.Caragea (D) demandas pri la lastjara propono Salzmann. La Sk informas pri sia cirkulero al la l.a. kaj pri la konkludo: eblas anigi al IFEF ne-fervojistojn laŭ la lokaj cirkonstancoj.

Pr P.Engen (N) revenas al la bonaj vortoj de s-ro Jakobs pri la agadplano, ĉar oni devas havi celojn por ke oni havu la eblecon kontroli ĉu venas rezultoj, kaj, konsekvence, aktiviĝi kaj aktivigi.

Laŭ k-go E.Kiefer (D) oni devas strebi al plialtigo de la membronombro agante ĉefe ene de la sindikatoj kaj socialaj servoj.

D-ro S.Boschin (I) sugestas plibonigi la propagandon ne mankante montri ĉiam la esperantajn paĝojn de la horaroj, belajn murafiŝojn, faldfoliojn, turismajn broŝurojn. Li mencias pri la rekonoj atingitaj de IKUE en la katolika movado.

S-ino N.Caragea tute laŭdas la Cervia-blazoninsignon; ŝi nur bedaŭras ke kiam place ludis la blovorkestro oni ne menciis Esperanton.

K-go R.Busche (D) sugestas enkonduki pli da propagando en la stacidomoj.

K-go M.Stuppnig (A) tre laŭdas la laboron de la italoj/bolonjanoj por la 45a kaj Eo; entute, se estas mankoj, ili ne gravas. Li plendas nur pro ne tro aktuala anonco pri radioj en la "Itala Fervojisto".

S-ano M.Amadei (I) substrekas la gravecon de la radio-elsendoj, kiuj devas esti kuraĝigitaj per korespondaĵoj al la redakcioj kaj varme konsilataj al la novaj kursanoj.

K-gino M.Fedorowicz (PL), ne enteme, iom plendas pri la distanco de sia tranoktejo kaj pri kelkaj aliaj cirkonstancoj.

Post insisto de multaj ĉeestantoj la Sk Bolognesi klarigas la situacion tiurilate kaj evidentigas la konduton de iuj partoprenantoj kiu metis la LKK-n antaŭ grandaj malfacilaĵoj. La klarigoj kontentigas la aŭskultantojn kaj la LKK ricevas kompletan apogon fare de multaj kongresanoj, kiuj memoras pri aliaj similaj malagrablaj situacioj.

K-ano E.Glättli (CH) taksas utila korespondadon kun stampoj kaj glumarkoj pri Esperanto por daŭra efika varbado. Li rakontas pri siaj diversspecaj praktikaj sportoj propagandcele, menciante ankaŭ la starigon de kurioza klubo: Ĝ.E.R.I. = Ĝoja Esperanto-Rondo Instruiĝa.

La tempo jam finiĝas, sed la homoj volonte kaj daŭre intervenas. Sk Bolognesi diras ke multnombra, vigla partopreno montras ke libera

forumo estas homa neceso, tre utila por interŝanĝi spertojn kaj ideojn.

Konklude Pr Engen substrekas la graveçon de la programero kaj profitas instigi al ĉiuj kontribui por plivastigi nian fakan agadon.

IFEF-sekretario (D-ro Romano BOLOGNESI)

## De niaj landoj asocioj

### Sciigoj el Pollando

Inter la 10a kaj 12a de septembro 1993 en Tarnowskie Góry Miasteczko Śląskie la dekan fojon renkontiĝis polaj esperantistoj-fervojistoj el la Landa Fervojista Sekcio de PEA. La renkontiĝo komenciĝis vendrede vespere. Sabate la 11an de septembro okazis kunveno de membroj de la sekcio, dum kiu la cedanta estraro de la sekcio raportis sian 3jaran agadon. Poste oni elektis novan estraron por la jaroj 1993-1996. Kiel prezidantinon de la sekcio oni elektis s-inon Maria Fedorowicz, anstataŭantinon Henryka Borkowska-Szmatloch, sekretariinon Janina Wereszka kaj membrojn: s-ino Zdzisława Kaźmierczak, s-ro Zdzisław Fedorowicz. Sidejo de la sekcio restis en Katowice, al. Roździeńskiego 1, Śląska DOKP.

La 10an Kongreson partoprenis 70 personoj, inter ili 8 eksterlandanoj el: Germanio, Ĉeĥio kaj Slovakio, kaj ankaŭ la honora prezidanto de IFEF Joachim Giessner.

Sabate la partoprenantoj vizitis la manovran monteton de stacio Tarnowskie Góry. La membrojn de la nova estraro kaj la eksterlandanojn gastigis prezidanto de urbo Tarnowskie Góry. Je la 17a horo ĉiuj partoprenis sanktan meson en la preĝejo de sankta Anna. Vespere, kiel kutime, ĉiuj gaje ludis kaj kantis dum la balo.

La 10an Kongreson organizis Klubo de Fervojistoj-Esperantistoj el Tarnowskie Góry. Venonta kongreso okazos meze de septembro 1994 en regiono de Supra Silezio, organizos ĝin Klubo el Katowice.

Ni kore dankas al la gesinjoroj, kiuj ĝis nun laboris por nia sekcio, nome s-inoj E.Hepmar kaj N. Bańkowska, kaj precipe al niaj tre oferemaj fakuloj, s-roj J. Fortuński kaj R.Prałat.

Ĝis la revido venontjare, kun esperantaj fervojistaj salutoj

Maria Fedorowicz

### Bulgario

Je la 14a de oktobro 1993a j, en Esperanto-Domo de kulturo en urbo Stara Zagora, Bulgario, okazis malfermo de nova lernojaro por ellernado de la internacia lingvo Esperanto. En la urbo ekzistas du societoj. Por la kurso por komencantoj Esperantista societo "Fervojisto" varbis kvin gekolegojn-fervojistojn, kaj la urba societo "Verda Stelo" ankaŭ varbis kvin gesinjorojn. La kurso komencos funkcii la 21an de oktobro.

Dum la solenaĵo la prezidanto de la Esperanto-Domo de kulturo parolis pri la historio de la internacia lingvo Esperanto. La prezidanto de la societo "Verda Stelo" parolis pri la neceso de internacia lingvo Esperanto. La sekretario de la societo "Fervojisto" s-ro Tonĉo Válev parolis pri la 45a IFEF-kongreso en Cervia, Italio.

Estis ĝustigitaj la plano, la lernotago kaj aliaj problemoj.

Kursgvidanto estos Nejko Kunev.

T.Valev

## Jarkunveno 1993 de GEFA

Titisee idilie situanta ĉe la samnoma lago en la Nigra Arbaro gastigis de la 8a ĝis 10a de oktobro 1993 ĉ. 90 partoprenantojn al la 37a jarkunveno de Germana Esperanta Fervojista Asocio (GEFA). Dum vigla laborkunsido estis traktataj i.a. la estonta agado en la fondaĵo Fervoja Sociala Organizaĵo, pasintaj kaj venontaj kongresoj, jarkunvenoj kaj aliaj renkontiĝoj, aspekto de GEFA-organo, terminara kunlaboro, telekurso, fakvortaro. Kongresejo por ĉiuj aranĝoj estis la moderna kuracdomego, kies direktoro Janssen bonvenigis la kunvenintojn dum la festvespero.

LKK-estro K.Bernhard kun siaj helpantoj estis ĉion modele preparinta. Tra la aranĝoj lerte gvidis GEFA-prezidanto J.Giessner. Fervojista blovorkestro brave muzikis, tenoro L.Fluck ĝojigis per belsonaj kantoj. Reprezentantoj de la Fervoja Sociala Organizaĵo (BSW) kaj eksterlandaj delegitoj transdonis korajn salutojn. La ĉi-lastaj estis: L.Patek (A), L.De Sutter (B), F.Curtis (GB) kaj A.Fiechter (CH). IFEF-vicprezidanto I.Gulyás (H) skribe salutis.

Dum la dimanĉa matineo gaja folklora grupo kantis, dancis kaj muzikis eĉ per bovsonoriloj. Pri la ŝtata fervojo en Germanio referis elokvente d-ro W.Bormann, kiu krome skizis pripensindajn spertojn pri seminario de interpretistoj. Menciindaj estis impresiga diaprezentado pri la Nigra Arbaro kaj videofilmo pri la IFEF-kongreso 1992 en Münster. Ne mankis aŭtobusekskurso tra la aŭtuna arbarriĉa regiono akompanita de tradicie sunbrila vetero. Kun sincera danko al la organizantoj oni adiaŭis. GEFA atendas siajn membrojn kaj eksterlandajn gekolegojn en la nordgermana Hansa-urbo Lübeck. Kiam? De la 7a ĝis la 9a de oktobro 1994.

W.Barnickel (D)

## Jarkonferenco de FS ĈEA

En la tagoj 17a-19a de septembro 1993 okazis en Česká Lípa la 27a Jarkonferenco de Fervojista Sekcio ĉe Ĉeĥa Esperanto-Asocio, kiun partoprenis dudeko da membroj kaj gastoj el Germanio, Hungario kaj Pollando. El Aŭstrio, Rumanio kaj Slovakio alvenis salutleteroj.

Dum la labora parto de la konferenco vendrede vespere oni pritraktis sian agadon kaj starigis programon por la venonta periodo.

La sekcio nun havas 52 membrojn, abonantoj de Internacia Fervojisto estas 36. Oni strebas plialtigi la nombron de abonantoj de IF.

Dum la pasinta jaro oni organizis krom alio la tradician Printempan Renkontiĝon 2.-4.4.1993 en Železná Ruda, trajnekskurson al Münster kun vizito de Transrapid dum junio, trajnekskurson 15.-22.8. laŭ itinero Prago-Innsbruck-Zürich-Ĝenevo-Barcelono-Madrid-Salamanca-Lisboa-Fatima-Lurdy, oni partoprenis karavane la 45an IFEF-kongreson en Cervia, reprezentantoj de la sekcio partoprenis Sciencteknikan Seminarion pri Trakpasejaj Instalaĵoj okazinta 16.-17.3.1993 en Pardubice kaj tradiciajn landajn renkontiĝojn aŭ kongresojn en Hungario, Pollando kaj Rumanio.

En la gazetaro aperis proksimume tridek artikoloj kaj tradukoj de fakaj artikoloj pere de Esperanto. Kontribuis plejparte inĝ. Ladislav Kovář kaj Jindřich Tomíšek.

La ĉiam aganta Jiří Pištora sukcesis enigi E-fakon en la nove establita Urba Muzeo en Česká Třebová. Oni petas ĉiujn, kiuj hejme havas materialon pri la historio de la E-movado en diversaj lokoj de Ĉeĥa Respubliko proponi ĝin al Městské muzeum, obor esperanto, CZ-560 02 Česká Třebová, Ĉeĥa Respubliko.

Ĉeĥa Terminara Komisiono nun gvidata de inĝ. Ladislav Kovář daŭrigis la preparojn por aperigo de Ĉeĥa-Esperanta Fervoja Terminaro. Oni komencis labori je traduko de LG V. En la tagoj 12-15.3.1993 oni aranĝis en Dobřichovice laborkunvenon de Terminara komisiono kaj Fake

aplika komisiono de IFEF.

Bela suna vetero akompanis la sabatan tuttagan ekskurson al urbo Liberec kaj per kablotramo al monto Ještěd, de kie oni spektis belan panoramon de la ĉirkaŭa regiono. Post reveturo kaj komuna vespermanĝo oni bone amuzis sin en restoracio. Ankaŭ dimanĉa antaŭtagmeza vizito de la urbo Česká Lípa kontentigis ĉiujn, kiuj restis kaj partoprenis.

Venontjare oni planas krom alia organizi tradician Printempan Renkontiĝon en la tagoj 15-17.4.1993 en Opava, partopreni karavane la 46an IFEF-kongreson en Krems a.d. Donau kaj organizi la Postkongreson de la IFK dum la tagoj 21.-24.5.1994 en Břeclav.

Jindřich Tomíšek

## 32a FIRAC-kongreso en Budapeŝto

La FIRAC - Internacia Federacio de la Fervojistaj Radioamatoroj - ĉijare en Budapeŝto aranĝis sian 32an kongreson inter la 23a kaj 27a de septembro. El 14 landoj partoprenis 160 gekolegoj. Dum la solena malfermo inter aliaj ankaŭ d-ro Imre Ferenczy (Ha 1 UD) salutis la ĉeestantojn kaj transdonis la bondezirojn de la fervojistaj esperantistoj.




Krom la oficialaj programoj (estrar- kaj plenkunsido) la kongresanoj konatiĝis kun la vidindaĵoj de la hungara ĉefurbo. Aŭtobusa ekskurso okazis al urbo Esztergom, kie oni prezentis folkloran programon. La tuttaga ekskurso kondukis al la lago Balatono por rigardi la urbojn Tihany kaj Balatonfüred.

Dum la kongreso okazis ankaŭ estrarelekto. La prezidanto estas denove s-ro Wilhelm Roer (La6DU) el Norvegio. La speciala radioamatora stacio (HG32FC) faris pli ol 2 mil kontaktojn kun proksimaj kaj foraj stacioj ankaŭ en Esperanto. Inter Firac-anoj troviĝas ankaŭ esperantistoj. Por kvitanci la kontaktojn oni pretigis belan, koloran QSL-karton kaj sendos ĝin al la partneroj.

D-ro Imre Ferenczy

## ALVOKO

**Homaranoj, registrigu senkoste vian adreson en Tutmonda Homaranista Adresaro!**

La mondkonata verkisto Umberto Eco diris: "Kompare kun aliaj projektoj de internacia lingvo, malantaŭ Esperanto staras iu ideologio, kio klarigas kial ĝi eltenis dum la aliaj fiaskis. Ekzistas Esperanta 'religio', kiu igas homojn lerni kaj paroli la lingvon, dum ne ekzistas 'religio' de Volapük aŭ de Ido. La anglan oni lernas nuntempe pro praktikaj kaŭzoj. Sed povas ekzisti ideaj instigoj kiuj decidigas lerni lingvon, kaj ili estas fortaj." "Mi uzis la vorton *ideologio* en tre larĝa senco: aro de ideoj, de opinioj."

Zamenhof skribis: "Lingvo internacia havas la celon, krei inter la gentoj neŭtralan ponton en rilato lingva, la homaranismo volas krei tian saman ponton en ĉiuj rilatoj. La homaranismo estas nur plifortigita esperantismo, kaj ĉiuj tion ĉi sentas, kvankam ne ĉiuj volas tion ĉi laŭte diri."

Info-Servo celas ebligi kontakton inter ĉiuj, kiuj interesiĝas pri homaranismo. Tial ni preparas **Tutmondan Homaranistan Adresaron.** Se vi deziras registrigi vian adreson en tiu ĉi adresaro, bv. sciigi vian adreson al: **Info-Servo, Bismarckstr. 28, D-35037 Marburg, Germanio.**

## Jubileo en Norvegio

**Egil O.Larsen**

La prezidanto de esperantoklubo LA NORDA STELO, Hamar, iĝis 70jara la 23an de septembro 1993.

La jubileanto estis fervojisto ekde jaro 1941, kaj lia meritlisto kaj en la deĵora medio, kaj en politiko estas grandioza.

Fine li fariĝis urbestro de Hamar, kaj li ĉiam montris entuziasmon por sia kara urbo 'sur la suna bordo de lago Mjøsa'.

Kiam Internacia Fervojista Esperanto-Federacio IFEF decidis aranĝi sian 42an kongreson en Hamar dum jaro 1990, la loka kongresa komitato ekde la komenco de la preparlaboro serĉis kontakton kun la urbestro kun peto, ke li plenumu diversajn dezirojn, kaj tiu kontakto vere iĝis fruktedona.

La urbestro tuj ekinteresiĝis pri Esperanto, jes li tiel fervore ektuziasmiĝis pri la afero, ke li decidis salutparoli dum la diversaj okazintaĵoj en Esperanto, kaj tiel li pli kaj pli glitis en nian medion.

Dank' al lia persona influo, Hamar dum la kongreso inaŭguris straton kies nomo estas ESPERANTOGATA = Esperantostrato, kaj la propaganda efekto de tiu agado estas klarvidebla.

La klubo poste kreskis kaj floras, kaj ĝi nun estas inter la plej aktivaj en Norvegio.

Multflanke nia kara amiko Egil sukcesis krei Hamar al 'La verda urbo ĉe lago Mjøsa', kaj ni liaj geamikoj sincere salutas kaj gratulas nian aktivan kaj tre afablan kluban prezidanton.

Per Johan Krogstie

## La motoro en Estonio mortis

Johannes Palu, la sekretario de nia estona landa asocio, mortis la 26an de junio, unu monaton post sia 80a naskiĝtago (27.5.) en Tallinn. Li estis esperantisto ekde la 30aj jaroj, honora membro de Estona Esperanto-Asocio kaj ĉiama aktivulo. Post la okupo de Estonio flanke de Sovet-Unio li estis transportita al Siberio kaj nur pro favora bonŝanco vive revenis. Post la milito li denove aktiviĝis delegito de UEA kaj estrarano de EAE, krome sekretario de la E-klubo Tallinn. Li estis iniciatinto de fakultativa E-instruado en estonaj lernejoj (ekde 1970), aŭtoro de kelkaj lernolibroj, Cseh-metoda instruisto kaj reprezentanto de ILEI en Estonio.

Kiam antaŭ proksimume 6 jaroj estonaj fervojistoj interesiĝis pri aliĝo al IFEF, Palu serĉis kontakton kun IFEF, kio fine havis la rezulton, ke en la IFK Hamar 1990 IFEF akceptis ilin kiel "Estona Fervojista Sekcio"-n (post statutŝanĝo kiel Asocion).

En lasta letero, datita de 21.6.1993, do 5 tagojn antaŭ lia morto, Johannes Palu priskribis la eventojn en la semajno de sia naskiĝtago, la vizitojn de multaj amikoj kaj E-kluboj, la donacojn de siaj eksterlandaj amikoj, la gratulojn de iamaj lernantoj. Mi citas: "Ĉiuj donis ĝojon, feliĉosenton kaj amikecon. Mi do nun estas 80jarulo. Mi ne sentas min tia, tamen la tempo influas ankaŭ min. Nun la ĉiutaga vivo daŭras. Nia sabla ĝardeno bezonos miajn manojn, kaj en la domo estas longa vico da farendaĵoj."

La sorto decidis alie. Palu devis sekvi la vokon. Li estis modelo de esperantisto kaj postlasis gravan breĉon en Estonio ĝenerale kaj en nia tiea landa asocio. Ankaŭ mi perdis bonan amikon. Li trovu eternan pacon!

Joachim Giessner, hon.prez. de IFEF

---

Post longa malsaneco mortis nia multjara GEFA-membro Kurt Giese antaŭ sia 66a naskiĝtago. Li subtenis per sia fidela membreco nian fervojistan grupon en Kolonjo.

Al la edzino kaj familio ni sincere kondolencas, ni neniam forgesos lin.

Kondolencadreso:
Fraŭ Christel Giese, Clemensstraße 10,
D-53332 Bornheim-Sechtem.

GEFA

**INTERNACIA FERVOJISTO**
1993.6
45a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Redakcio:**
E Henning Olsen,
Ådorupvej 182,
DK-4700 Næstved.
Tel +45 53 72 73 77.

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretario:**
D-ro Romano Bolognesi,
Via Misa 4,
I-40139 Bologna.

**Kasisto:**
Henning Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

**Dana poŝtĉekkonto:**
1 25 80 36, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj).

**Dana bankkonto:**
7353-350550, Den Danske Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

**Svisa bankkonto:**
471-02, Thurgauische Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝtĉekkonto:**
CH 85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

Redaktofino por la venonta IF: 01.01.1994

**Presejo:**
Geflon Tryk Næstved A/S

## Kelkaj postfestaj kaj unu ĝustatempa gratuloj

Honoraj membroj de IFEF estas homoj, kiuj longatempe kaj/aŭ gravege helpis al la laboro kaj evoluo de IFEF. Tiajn oni devas honori kaj memori. Kontraŭ tio grave pekis la redakcio de IF dum 1993. Malfacile estas verki ĉi-tiujn liniojn, ĉar la pentaj larmoj malsekigas la paperon!

Komenciĝon faris d-ro István Bácskai kiu la 10an de februaro atingis la aĝon de 85 jaroj. Tion ni menciis en nia n-ro 1993.1. La 20an de marto inĝ Jaromír Řebiček plenumis ankaŭ 85 jarojn de sia vivo, raportita en n-ro 1993.3.

Sed intertempe s-ro Willem van Leeuwen la 26an de februaro senbrue iĝis 75jara. Kompreneble li estas en tiu societo la Benjameno, sed estante vicprezidanto de IFEF dum la jaroj 1972-1980 kaj pro multflanka alia laboro li meritas mencion kaj gratulojn, spite al grava malfruiĝo.

La 8an de aŭgusto s-ro Jaromír Babička atingis la aĝon de 85 jaroj. Aktiva esperantisto ekde la junaĝo kaj suferinte malliberejon li nur en 1991 ricevis la meritan honorigon (vidu IF 1991.4 pĝ 57).

Inter la plej buntaj personecoj de IFEF troviĝas kav. p.i. Germano Gimelli, kiu la 4an de novembro iĝis 80jara. Ĉiam vigla, daŭre juneca Ĝimelli kolorigas ĉiujn IFEF-kongresojn per vervaj diskutoj, ĉiama humoro kaj incita inspiro. Ke 80 jaroj pasis de lia naskiĝo apenaŭ kredeblas.

Kaj fine ni atingis ĝisdatiĝon. La 23an de decembro honora prezidanto de IFEF, s-ro Joachim Giessner iĝos 80jara. Ne eblas ĉi-tie pro spaco- kaj memormanko listigi liajn meritojn - nur ke li estis prezidanto de IFEF de 1968 ĝis 1990 - sed tiu, kiu vidis lin sur la dancejo dum ĉijarseptembra vizito en Rumanio ne kredis, ke li dancis en sia 80a jaro.

Plej sincerajn dankojn kaj gratulojn al ĉiuj naskiĝ-datreven-uloj!

IFEF-estraro

